31a jaro, n-ro 108, marto 2004




# Venu por «Gajni ĉe Hajni!»

*Karaj geamikoj,*

*por forigi ĉiujn dubojn, mi volas denove emfazi, ke nia revueto celas, antaŭ ĉio, komencantojn kaj deziras konduki ilin al aktiva uzado de la lernata lingvo. Konsciu ke, kiu ne ricevas fortan puŝon al praktika utiligado de la lingvo, tiu baldaŭ perdiĝas por Esperantujo. Dum la lingvokursoj ni faru, do, ĉion eblan por ligi niajn kursanojn al la idearo de esperantismo. Unu el la unuaj ligiloj ni volas daŭre resti, kaj petas vin helpi nin per konsiloj, proponoj kaj kontribuaĵoj.*

*Geza Kurucz*

## ENHAVO



**Pri la lingvaĵo de JUNA AMIKO.** Sen pied-notoj ni uzas la plej oftajn 1500 vort-radikojn, kiujn vi trovas en nia hejm-paĝo: ***www.junaamiko.inf.hu*** . En vort-kunmetoj, se necesas – por rekoni kunmeton – ni uzas divid-strekon, sed kiam la vorto revenas en la sama teksto, ni ne plu uzas ĝin.





**INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE**

**ILEI**

**POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ**

**MARTO 2004** **N-ro 1(108)**


***Sur la titol-paĝo:*** *Foto pri Hajni MacGill kun sia fratineto Sonja. Hajni estas nia fidela rubrikestro de VENDE (vidu paĝon 6).*

# Vento kaj Suno

## (Rakonto el Slovakio)

Foje la Suno kaj la kruela Norda Vento interkverelis pri tio, kiu el ili estas pli forta. Ili jam delonge kverelis, kiam finfine ili decidis provi siajn fortojn je vojaĝanto, kiu en tiu tempo rajdis sur la granda vojo.

*"Atentu!"* diris la Norda Vento. *"Kiam mi atakos lin, mi subite deprenos lian mantelon."* Tuj post kiam ĝi diris tion, ĝi komencis blovegi per tuta forto, sed ju pli la vento blovis, des pli forte la vojaĝanto envolvis sin en la mantelon. Li malbenadis la ŝtormon, sed malgraŭ tio li plu rajdis.



La Norda Vento koleriĝis, furiozis kaj ĵetadis neĝon kaj pluvon kontraŭ la kompatindan vojaĝanton. Malbeninte la Nordan Venton la vojaĝanto forte streĉis la zonon. Tiam la Norda Vento mem konvinkiĝis, ke ĝi ne povas depreni la mantelon.



Vidinte la senpovan kontraŭulon la Suno ekridetis kaj eliris el post la nuboj kaj varmigis, sekigis la teron kaj samtempe varmigis ankaŭ la kovritan, duone frostiĝintan vojaĝanton. Sentante la varmon de la sun-radioj la vojaĝanto kuraĝiĝis. Dankante al Suno, li mem deprenis la mantelon, kunvolvis kaj alligis ĝin al la selo.

*"Vidu"*, diris la milda Suno al la kruela Norda Vento:

*"Per kompatemo kaj boneco oni povas atingi pli ol per kolero."*

Tradukis: *Jadranka Mirić,* Serbio

***beni:*** **voki dian favoron al iu /** ***furioza:*** **senbride kolera /** ***kruela:*** **malmilda /** ***kvereli:*** **kolere kaj brue interparoli /** ***selo:*** **sidilo ligita sur la dorso de rajd-besto /** ***ŝtormo:*** **forta ventego.**

## Nobel-premio pri paco en 2003

### *Ŝirin Ebadi*

S-ino *Ŝirin* EBADI, irana juristo, dediĉas sian vivon (ŝi naskiĝis en 1947) por demokratio kaj homaj rajtoj. En la centro de ŝiaj klopodoj staras batalo por la rajtoj de virinoj kaj infanoj en la islama mondo.

Ni deziras al ŝi pluan forton kaj sufiĉan energion por proksimigi al ni la plej noblajn homajn idealojn sendepende de religio, raso, sekso aŭ nacio. ***Koran dankon, kara Ŝirin Ebadi!***

## MOVADO sen NOMO

### Atentu ĝiajn konsilojn!

Oni ofte estas okupataj de siaj materiaj zorgoj: ĉu miaj domo kaj ĝardeno estas sufiĉe belaj, kial mi ne posedas tion, kion najbaroj havas, ĉu mi povos aĉeti pli grandan aŭto-mobilon, ĉu mi sukcesos rang-altiĝi...

POR HARMONII KUN ALIAJ

...NECESAS UNUE HARMONII EN SI MEM

***Oni ofte forgesas atenti pri sia koro.*** Oni ofte rapide perdas la kvalitojn de la infanaĝo: multe ridi kaj plori, miri, amuziĝi aŭ esprimi sian malkontentecon...

Movado sen Nomo eldonas belajn kartojn kun humanaj sloganoj. Ĉiu slogano estas frazo, kiu helpas homon memori, ke li / ŝi havas varman koron, kaj ke ĝuste tiu varma koro estas la vojo al vera feliĉo.

Movado sen Nomo dissendas sloganojn kvar fojojn en jaro al iu ajn, kiu petas, ĉu *papere*, ĉu *elektronike*. Sufiĉas sendi nomon kaj (ret)adreson por ricevi ilin. Ni proponas al la ricevintoj pendigi la karton en bone videbla loko, aŭ daŭre konservi ĝin en la komputilo kaj reveni al ĝi plurfoje, por ne forgesi pri la bona konsilo.

La adreso de *Movado sen Nomo: Frankrijklei, 140, BE-2000 Antwerpen, Belgio* aŭ ret-poŝte: *<ivo@fel.esperanto.be>.*

◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆

Ĉi-sube vi trovas kelkajn ekzemplojn el tiuj sloganoj:

*Feliĉaj homoj duoble valoras.*
*Kontenta homo, anĝelo en domo.*
*Optimistoj vivas pli longe.*
*Plibonigu la mondon, komencu per vi mem.*
*Se vi ne povas esti stelo en la ĉielo, estu kandelo sur la tero.*
*Vi plibeliĝas, kiam vi ridas.*

*Ivo* DURWAEL, Belgio

# LA UNUA ETAĜO

ETAĜO

**_Redaktas: Monika MOLNÁR_**

✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻ ✻

Esperantistoj de la mondo havas ĉiu-jare multajn kunvenojn. La plej granda el ili estas la *Universala Kongreso (UK)*. Ĉi-jare okazos la 89a UK en Pekino, ĉefurbo de Ĉinio, en la lasta semajno de julio.

Por memorigi pri Ĉinio, rigardu la suban ĉinan fabellibron.

***La fiera kateto renkontas la prezentitajn bestetojn kaj fariĝas .... . Kia?***

*Venu al la solvo per la bildetoj, kiujn ni prenis el la bel-kolora libreto. Skribu laŭ-vice, kion prezentas la kvar bildetoj. Poste, prenu la 1an kaj lastan literojn de la unua vorto, la 4an de la tria vorto, la 3an de la kvara vorto, la 3an de la unua kaj la 2an de la dua vortoj. Ili donos al vi la solvon. Mankos nur la antaŭ-lasta litero, kiun vi mem divenu!*







**SOLVO:** _ _ _ _ _ ? _ = _ _ _ _ _ _ _ _

*La solvon sendu rete aŭ papere al la redaktoro (adresoj sur paĝo 27) ĝis la 1a de majo 2004. Ni premios la unuajn.*

# LA DUA ETAĜO

## *Venu En Nian Duan Etaĝon*

***Gajni ĉe Hajni!* Gajni ĉe Hajni! *Gajni ĉe Hajni!***

❶ *Ord-aranĝu la literojn en la vortoj!*

Uĉ iv asics onik im isbiskr iĉ ite?

❷ *Divenu la vortojn!*

SSSSSSSS O – similas al viando

♥VO – birdo

❸ *Kiujn du literojn ni povas uzi por kompletigi ĉiujn vortojn?*

_ _ STAS
_ _ NAS
_ _ RO
_ _ LAO
_ _ BAJO

❹ *Divenu, kiun el la subaj figuroj meti anstataŭ la demando-signo?*

?

A: B: C: Ĉ:

❺ *Se oni metas en skatolon 6 bluajn globetojn, 5 verdajn globetojn kaj 2 ruĝajn globetojn, kiom da globetoj oni devas maksimume elpreni – sen rigardi en la skatolon – por havi du sam-kolorajn glob-etojn?*

La solvojn sendu poŝte al *Hajni MacGill, Lajos utca 47/a, HU-1036 Budapest, Hungario.* Rete al *<forgesas@freemail.hu>*, kaj skribu vian adreson. **Ni lotumos premiojn!!!**

*Karina MacGILL*

La tigro-pitonoj estas grandaj kaj fortaj serpentoj. Ili vivas en Hindio, Srilanko, Suda Ĉinio, Malajzio, Vjetnamio kaj Indonezio.

ĈIO INTERESA PRI

# TIGRO-PITONOJ



Ekzistas du sub-specioj: *hela* kaj *rubanda tigro-pitonoj*. La hela estas malofta, ĝi atingas maksimuman longecon de 5 metroj. La rubanda povas esti longa je 6 ĝis 8 metroj en la naturo. En fermita spaco kiel en besto-ĝardeno, ekzemple, ĝi povas esti maksimume 5-metra. La rekorda serpento estas 15 metrojn longa kaj estas nun vivanta en Indonezio.

*maksimumo:* la plej granda atingebla kvanto / *muskoloj:* moviloj de bestaj aŭ homaj korpo-partoj / *specio:* sub-raso / *vibri:* rapidege tremeti.

La serpentoj restas en la ovoj dum 58 ĝis 85 tagoj. Inter marto kaj majo, patrinoj demetas 15 ĝis 35 ovojn. La rekorda nombro de ovoj en unu nesto estas 107. La pitonoj estas la solaj serpentoj, kiuj varmigas siajn ovojn. Ili kuntiras kaj vibrigas siajn muskolojn kaj per tio ili povas varmigi la ovojn je 7 Celsiaj gradoj.

Pitonoj manĝas birdojn, kuniklojn kaj similajn mamulojn. Kiam ĉasaĵoj ne mankas, ili multe manĝas kaj rapide kreskas, sed en malfavoraj tempoj ili povas longe elteni sen manĝi sufiĉe. Tiu-kaze ili apenaŭ kreskas.

## Interesaĵo

## Revenis delfeno por danki

Je la 10a horo matene, la 6an de aŭgusto aperis delfeno apud boato por plonĝantoj en la maro de Zuŝi, gubernio Kanagaŭa. Ĝi sekvis la boaton ĝis la haveno, kaj kiam la homoj plonĝis en la maron, ĝi naĝis kun ili. Ili tenis ĝian dors-naĝilon aŭ rajdis sur ĝi kaj ŝajnis, ke ĝi ĝuis tion. Ili rimarkis, ke parteto de la vost-naĝilo mankas al ĝi, kio atestas, ke ĝi estas la delfeno savita antaŭ kvin tagoj. La 1an de aŭgusto boatistoj trovis delfenon kaptitan per ŝnuroj por polpo-fiŝado. Plonĝantoj rapidis al la loko kaj liberigis ĝin.



Oohira Reiko (43-jara), kiu ludis kun la delfeno, diris: "Mi naĝis, tenante ĝian dorsnaĝilon, kvazaŭ mi estus en mia sonĝo. Ĝi estis mola kaj glata".

Kawaŝima Ŝoota (11-jara) diris: "Mi sentis kvazaŭ mi tenus balonon. Mi fieros al miaj amikoj pri mia sperto."

Boatistoj kaj plonĝantoj kredas, ke la delfeno revenis por danki ilin kaj atendas ĝian refojan revenon, aldirante: "Kiam ĝi revenos, ni donos al ĝi nomon."

*En Japanio ekzistas rakontoj pri bestoj kaj birdoj, kiuj revenis al siaj savintoj por danki. La plej fama estas "Dankema gruo". Gruo, kiu estis savita de malriĉa junulo, vizitis lin en formo de bela fraŭlino kaj edziniĝis al li. Ŝi kaŝe teksis belegan tolaĵon per siaj plumoj, per kiu la junulo fariĝis riĉa. Sed avaraj komercistoj, kiuj aĉetis la teksaĵon, incitis lin peti de ŝi pli da teksaĵo. La junulo, malgraŭ sia promeso, enrigardis la ĉambron, en kiu lia edzino teksis. La gruo, donacinte sian lastan teksaĵon al li, forflugis kun malĝojo.*

*Jasuo* HORI, *15 aŭgusto 2003*

*balono:* glob-forma aerujo / *boato:* ŝipeto por 2-4 personoj / *delfeno:* mar-besto; vidu la bildon / *gruo:* migra vad-birdo kun kongaj kruroj / *gubernio:* granda administra unuo en multaj landoj / *inciti:* kolerigi per mokoj, ataketoj / *plonĝi:* salti en akvon por naĝi / *polpo:* ok-braka mar-estaĵo.

# BRAJLO: la tuŝebla alfabeto

**(Laŭ *Kontakto*, n-ro 197, p. 13)**

Ĉu vi konas la vorton "brajlo"? Ĝi estas punkto-skribo, kiun elpensis la franco *Louis BRAILLE* (1809-1852). Tiu skribo ebligis al blinduloj libere legi kaj skribi propra-mane. Vi certe scias, ke ni, blinduloj legas literojn uzante la fingrojn. Sed kia-maniere? La literoj formiĝas el 6 punktoj: 3 laŭ-alte kaj 2 laŭ-larĝe.

Vidu nian Esperantan brajlo-alfabeton ĉi-sube.

| | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| a | b | c | ĉ | d | e | f | g | ĝ | h | ĥ | i | j | ĵ |
| k | l | m | n | o | p | r | s | ŝ | t | u | ŭ | v | z |

La naskiĝo de brajlo alportis al blinduloj vigliĝon de lernado kaj plivastiĝon de ilia mondo.

Ankaŭ *Harald THILANDER* (1877-1958) el Svedio estis unu el tiuj blinduloj. Poste, en 1907 li fondis malgrandan brajlo-eldonejon. Li pensis, ke tut-mondaj kontaktoj inter blinduloj pli-altigos ilian kulturon kaj igos la vivon pli interesa. Li mem lernis la germanan, anglan kaj francan lingvojn, tamen spertis plurajn lingvajn malfacilaĵojn. En 1901 li hazarde ekkonis Esperanton, kaj dum sia posta vivo laboris por disvastigi la lingvon al blinduloj tutmonde. En 1912 li eldonis la brajlan gazeton ***Esperanta Ligilo***, kiu unuigas ĉiujn blindajn esperantistojn en la mondo.

*Kataoka TADASHI, Japanio*

KONTAKTO

*estas nia kara pli aĝa frato.*

KONTAKTO estas du-monata soci-kultura revuo de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO). Ĝi aperis en 1963 kaj estas legata en ĉirkaŭ 90 landoj. Kelkaj ĝiaj interesaj artikoloj estas verkitaj en facila lingvaĵo. Vizitu la TTT-ejon: <*www.tejo.org /eldonoj.jsp*>.

# LJAPIKLANDO kaj ties loĝantoj

En malproksima, nekonata por vi Ljapiklando loĝis malgrandaj viol-koloraj ljapikoj. Inter-alie, ili sci-povis paroli Esperante.

Apud la lando situis alta, densa kaj malluma arbaro, en kiu loĝis nigraj malic-ljapikoj. Ili ĉiam faris malbonon al la violkoloraj ljapikoj.

Malicljapikoj antaŭe estis simplaj ljapikoj, sed iun tagon en Ljapiklandon venis malica sorĉistino, kiu faris, ke ĉiuj ljapikoj iĝu malbonaj, nigraj kaj malicaj, kia ŝi mem estas. Tiun malbonan kaj malican sorĉistinon oni nomis Reĝino de Obskuro.

Tamen ŝi ne sukcesis igi ĉiujn malicljapikoj, ĉar ŝiaj sorĉoj efikis nur sur tiujn, kiujn ŝi vidis. Inter ljapikoj, kiujn ŝi vidis kaj sukcesis konverti, estis la princino, kiu tiam estis promenanta. Ankaŭ ljapikon Ivano, kiu staris ĉe la sojlo de sia domo kaj estis elironta, ekvidis la Reĝino de Obskuro.

Kiam la ljapikoj ekvidis sin nigraj, ili forkuris en la arbaron. Sed Ivano ne kuris en la arbaron, li restis hejme, ĉar li restis bon-kora kaj saĝa. Li nur ekstere fariĝis nigra kaj aspektis kiel malicljapiko.

Malicljapikoj permesis al neniu eniri la arbaron krom al siaj sam-gentanoj. Tiam ljapikoj ia-maniere allogis malicljapikojn en banejon kaj komencis lavi, froti ilin per brosoj. Sed ilia penado estis vana, ĉar malicljapikoj elŝiris sin kaj ĉiel kontraŭ-agis la lavadon kaj, fine, rekuris en la arbaron.



Tiam Ivano diris al la reĝo, ke li iros en la arbaron por rigardi, kiel malicljapikoj vivas tie. Kiam li alvenis, la malicljapikoj akceptis lin kiel samgentanon. Ja li laŭ-ekstere distingiĝis de ili per nenio.

Ivano rimarkis, ke ĉe malicljapikoj apud la okuloj aperis violkoloraj makuloj. Tiam li decidis observi. Post kelkaj tagoj, tuj post vekiĝo li ekvidis malicljapikon, kiu ploris, kaj sur kies vangoj, laŭ kiuj fluis larmo, aperis violkoloraj postsignoj.

Tiam Ivano revenis en sian landon kaj diris al la reĝo, ke la nigra farbo forlaviĝas per larmo. La reĝo, do, ordonis al ĉiuj ljapikoj senŝeligi cepojn kaj la larmon, kiu fluas el iliaj okuloj dum la procedo, verŝi en vazojn.



Vespere Ivano havis kelkajn barelojn da larmo. Nokte li prenis la barelojn kaj rulis ilin en la arbaron al la dormantaj malicljapikoj kaj aspergis ilin per larmo. Vekiĝinte ili ekvidis, ke ili refariĝis violkoloraj. Tagmeze ili revenis al sia lando kaj ekvivis bone kiel antaŭe.

La reĝo edzinigis la princinon al Ivano, ĉar li pensis ke, se io okazos al la princino, Ivano prizorgos kaj gardos ŝin kontraŭ malfeliĉo.

De tiam Reĝino de Obskuro ne plu venas al Ljapiklando, ĉar ŝi scias, ke en tiu lando loĝas ljapiko, kies nomo estas Ivano.

*Jaroslav VOROBJOV, Rusio*
*Gajninto de la ĉefpremio*
*"Fabelo Internacia"*

*barelo:* granda ujo el ligno por teni en ĝi vinon, ekzemple / *cepo:* ĝardena kreskaĵo kun akra odoro kaj manĝebla bulo subtere / *farbo:* koloriĝilo / *gento:* hom-grupo sam-devena / *konverti:* alkonduki al nova viv-stilo / *malica:* konscie malbon-farema / *observi:* rigardi kun daŭra atento / *obskuro:* mallumo / *princino:* reĝidino / *procedo:* ag-maniero por atingi ion / *situi:* troviĝi / *soĵlo:* surplanka altaĵeto ĉe la pordo / *sorĉi:* per super-natura forto kaŭzi al iu ne-favoran ali-formiĝon / *violo:* floreto kun malhela ruĝe-blua koloro.

***La redakcio de Juna Amiko sendas al vi, kara Jaroslav tut-koran gratulon pro via interesa fabelo. Ni esperas daŭran kontakton kun vi.***
*La ceterajn verkojn vi trovas en la TTT-ejo:*
***www.taivalkoski.fi/paatalo-instituutti/esperanto.htm***
**Ĉi-jare ankaŭ vi partoprenu en la konkurso. Detaloj sur paĝo 26!**




"Kiu estos la sekva viktimo?" demandis Riko, kiam ili revenis de la lernejo.

"Nu, kiuj estis la antaŭaj?" demandis Mira, la detektivo.

"La unua estis Tomaso, lernanto en nia lernejo, ĉe la tunelo."

"La dua estis Jan, instruisto, kiu falis en la parkejo antaŭ la lernejo."

"La tria estis la lernejestro mem. Pli kaj pli alta rango!"

"Nu, la kvara viktimo ne estis la Ministro pri Edukado, sed instruistino."

"Jes. Vidu la sin-sekvon: lernanto, instruisto, lernejestro, instruisto. Do, logike, la kvina viktimo estos lernanto!"

"Nu, eble, sed ne certe," dubis Mira.

"La unua lernanto estis knabo, la unua instruisto estis viro."

"La dua instruista viktimo estis virino, do logike la dua lernanta viktimo ..."

"ESTOS KNABINO! Certe!"

"Ne certe. Eble. Certe ne certe. Eĉ, dube," prudentis Mira.

Kati ignoris tiun dubon: "Klaras! Estas nur logiko. Detektiva laboro. Estos knabina viktimo." Post momenta silento ŝi aldonis: "Mira, eble tiu estu mi!"

"Kio? Absolute ne!" verdiktis la detektivo.

..........................................

"He-he", ridaĉis Hedviga, "nova atako! Plia venĝo kontraŭ tiu aĉa lernejo. La punoj, la batoj, la kritikoj ricevitaj... Denove, la vico de lernanto, knabino ĉi-foje! Mi preparu la likvaĵon!"

..................................

"Ion alian ni esploru", diris Mira. "Ĉiuj viktimoj trinkis likvaĵon, sed ne ĉiu iĝis viktimo. Estis plia kondiĉo. Ni rigardu la aĵojn de Hedviga."

Antaŭ ili kuŝis libroj, receptoj kaj likvaĵoj prenitaj de Ranmonto.

"Jen libro «Sorĉaj diroj kaj magiaĵoj»" diris Mira. "Mi legis el ĝi. Ni kredas, ke kutime la sorĉanto diras la magiajn frazojn, sed ne ĉiam. Foje la sorĉato, tiu kiun oni sorĉas, devas diri la vortojn! Mi ne sciis tion. Do, ni provu memori la dirojn de la viktimoj."

"Mi telefonos al Lopez por demandi kion diris Tomaso antaŭ la akcidento."

"Ni demandu al s-ino Mulo, kion diris Jan en la parkejo."

"Jes, telefonu al Kristi. Eble ŝi memoros," diris Mira. "Kaj mi telefonos al la lernejestro pri la intervjuo, kiun li donis al Hedviga."

"Mi telefonos al klasanoj, kiuj estis en la kemia leciono."

"Mi vidas nur unu problemon en nia plano."

Ĉiuj okuloj turnis sin al Mira.

"Kion?"

"Ni ne havas sufiĉajn telefonojn."

..........................................

"Mi volis esti fama historiisto aŭ verkisto, aŭ preleganto, sed tiu stulta lernejo: ĉiam matematiko, fiziko kaj, super ĉio, kemio! Nur noton «unu» ili sciis doni al mi, kaj eĉ kun sarkasmo."

diris Hedviga, pakanta sakon. "Nun, truko-preta. Pluen al lernantino, kaj post tio la Ministro!"

..............................................

"Jen ni skribis sur paperoj la dirojn de ĉiuj viktimoj. Ni rigardu ilin."

La tablo en la detektiva oficejo estis kovrita per paper-pecoj.

"Jen unu. Tomaso diris: *«Ni atingos vian patrinon pli rapide, se ni trairos la tunelon de la konstru-kompanio.»* Ĉu tio helpas nin?"

"La instruistoj diskutis pri eseo de lernanto. *«Espereble ŝia kontribuo estos oportuna – ĉu en ŝia instru-kajero?»* diris Jan en la parkejo tuj antaŭ la atako."

"En la intervjuo la lernejestro rakontis pri malbona lernanto: *«Tuj poste li montris sian langon. Mi kriis 'Haltu nun!', sed li ripet-ruktis.»*"

"Ĉu io signifa en tio?" demandis Mira.

"En la kemia leciono s-ino Gem diris – laŭ la memoro de la lernantoj: *«Ni studos la efikon de natrio sur latuno. Kaj atentu pri la detru-ka-pablo de natrio.»*"

La esploro daŭris, ili legis pliajn dirojn.

Subite Mira kriis: "Donu al mi denove tiun sorĉo-libron! Indekso, paĝo tridek du, jes, tiu sorĉo pri pezo kaj tunoj. Jes! Infanoj, mi solvis la misteron! Kati, eble vi tamen povos esti la sekva viktimo, ĉar ne plu estos danĝero!"

*Stefan MACGILL*

*Fino en la sekva n-ro!*

***Mira solvis la misteron. Ankaŭ vi solvu ĝin antaŭ la sekva numero. Neniu sendis solvon laŭ la invito en nia antaŭa numero. Rigardu la dirojn de la homoj, kaj la informojn, kiujn ni ricevis en la kvara parto pri tiu sorĉ-libro. Se vi trovos la solvon, mesaĝu al la aŭtoro: <stefan.macgill@galamb.net> Li lotumos premiojn.***

*detektivo:* kaŝ-esploristo / *ignori:* intence preter-atenti / *intervjuo:* ĵurnalista pridemandado / *kritiki:* montri la mankojn de io aŭ iu / *likva:* flueca / *magio:* vortoj aŭ gestoj, kiuj alvokas la helpon de super-naturaj fortoj / *ministro:* ĉef-oficisto, estro de iu fako de ŝtataj aferoj / *prelegi:* fari instruan, klerigan paroladon pri iu temo / *mistero:* nekredebla okazaĵo / *recepto:* detala priskribo pri preparado de io / *sarkasmo:* akra-tona rimarko / *sorĉi:* ali-formi helpe de super-naturaj fortoj / *stulta:* malsaĝa / *tunelo:* tubo-forma longa trairejo / *venĝo:* "repago" pro ricevita malbono / *verdikti:* juĝ-decidi.




saviogp@zahav.net.il








# Unua programo por la Maŝino de Turing

En la nuna parto de la rubriko, ni preparos la unuan "programon" por solvi problemon per nia tre malrapida kaj ne elektronika sed potencega "komputilo".

## La solvenda problemo




Simplan adicion oni lernas facile ekde la bazlernejo: temas pri operacio kiun ni plenumas mekanike ĉiutage. Do, adicio estas banala operacio ... sed ĉu ni scias precizigi la transirojn necesajn por ĝin plenumi, t.e. difini la **algoritmon**?

## Eltrovo de algoritmo



Por eltrovi algoritmon, supozu, ke ni plenumas la sumon de du kardinalaj nombroj, ni diru, 2 + 4




Videbligante vicon da kardinalaj nombroj sinsekve ordigitaj, ni konsideru la nombron 2 kaj ripetu kvarfoje la transir-operacion al sekva numero: de 2 al 3, de 3 al 4, de 4 al 5, da 5 al 6. La nombro 6 estas la petita rezulto. Por akiri la rezulton de la proponita sumo, jen do la devigaj paŝoj:

- lokalizi nombron (la komencan nombron);
- transiri al la plej proksima sekva nombro;
- kontroli ĉu oni atingis la nombron de bezonataj refaroj (n=4, ĉi-kaze);
- refari operacion (transiron al la sekva nombro).

Do, tiu ĉi estas la **algoritmo** por la adicio de du nombroj.

## Kono de nia "komputilo"

La **Universala Maŝino de Turing**, kiu kapablas plenumi **algoritmojn** konsistas el 3 partoj: bendo, decidilo kaj kapeto kiu funkcias kiel legilo/skribilo.




**Bendo** – oni povas imagi ĝin kiel maldikan paper-strion, dividitan laŭ kvadratetoj, nomataj ĉeloj, kaj sufiĉe longa por plenumi iun ajn algoritmon. Ĉiu ĉelo enhavas signon aŭ estas malplena.

**Legilo/Skribilo** – kapeto kunligita kun la decidilo kaj laŭ ĝia komando, kapablas legi aŭ skribi aŭ forstreki signon en benda ĉelo, moviĝi unu paŝon dekstren aŭ maldekstren tiel atingante apudan bendan ĉelon.

***adicio:*** operacio por trovi sumon de nombroj / ***algoritmo:*** eksplicite preskribita procedo / ***analizi:*** detale esplori / ***banala:*** seninteresa / ***baza:*** rilata al esenca deirpunkto / ***determini:*** ĝuste kaj klare fiksi ion / ***diagramo:*** simpla desegno / ***ebligi:*** fari, ke io ekestu / ***eksplicite:*** klare kaj detale /

> Por solvi verajn komputikajn problemojn necesas programi realajn komputilojn kaj vi povas lerni tion, senpage, per Interreta kurso "Komputiko kaj Programado" en:
> **www.esperanto.org.il/komputiko-kurso**

**Decidilo** – aparato enhavanta indikilon, kiu determinas, por ĉiu paŝo de komputado, la specifan **internan staton** de la maŝino. Kiam ĝi ekfunkcias, la legilo/skribilo troviĝas sur la plej maldekstra ĉelo de la bendo, kiu enhavas iun signon. La decidilo *analizas* la bendon, ĉelon post ĉelo kaj laŭ la ĉeestanta signo kaj laŭ sia nuna interna stato, plenumas la taŭgan instrukcion de la programo.

La **Universala Maŝino de Turing** do kapablas plenumi jenajn funkciojn:

**1.** konservi la memoron de sia interna stato;
**2.** legi la signon skribitan en ĉelo;
**3.** superskribi aŭ forstreki la signon skribitan en ĉelo;
**4.** moviĝi sur la bendo, unu ĉelon dekstren aŭ maldekstren;
**5.** ne plenumi iun funkcion (halto).

## Kreado de la programo

Necesas nun detaligi la regulojn kiuj montras al la maŝino kion fari por ĉiu kombinaĵo de statoj kaj de signoj legataj sur la bendo. Tiuj reguloj nomiĝas "instrukcioj", kaj **vico da instrukcioj** konsistigas **"programon".** Kiel ekzemplo, la jena instrukcio, devigas, ke la maŝino, se la indikilo de **stato** estas **1** kaj la legilo estas leganta en la ĵus atingita **ĉelo** la signon **A**, forstreku la nunan signon, moviĝu dekstren kaj ŝanĝu sian internan staton al 2. Ni prezentas tiun instrukcion kiel linio en tabelo:

| Komenca stato | Signo en nuna ĉelo | Skribilo skribas en la nuna ĉelo | Movo sur la bendo | Fina stato |
|---|---|---|---|---|
| 1 | A | (forstrekas) | dekstren | 2 |

Ni povas nun skribi la programon por adicii 4-foje la signon "A" al sekvenco de 2 signoj "A" kiu jam aperas sur la bendo. Ni supozas, ke la **komenca stato** de la maŝino estas **4**:

Stato = 


**Benda diagramo** **(por simuli ruladon de programo)**




### Jen la programo:

| Komenca stato | Signo en nuna ĉelo | Skribilo skribas en nuna ĉelo | Movo sur la bendo | Fina stato |
|---|---|---|---|---|
| **4** | A | A | dekstren | **4** |
| **4** | neniu | A | dekstren | **3** |
| **3** | neniu | A | dekstren | **2** |
| **2** | neniu | A | dekstren | **1** |
| **1** | neniu | A | **HALTO** | **0** |

**Notu bone:** La maŝino ne plenumas la instrukciojn laŭorde sed surbaze de la stato.

> Ĉu vi kapablas per uzado de la benda diagramo, kontroli, ke la programo estas ĝusta, t.e. en la fino aperos sur la bendo sesfoje la signo A?

***elektronika:*** rilata al tekniko uzanta elektronojn / ***funkcii:*** plenumi propran difinitan taskon / ***indiki:*** ĝuste kaj klare montri iun aŭ ion / ***instrukcio:*** difino de kiu estu farata pere de komputilo / ***Interreto:*** monda retego de komputiloj / ***kardinala** (nombro):* montranta kiom da membroj havas aro / ***komando:*** ordono / ***kombinaĵo:*** kunigado / ***komputilo:*** aparato, kiu aŭtomate prilaboras datenojn laŭ instrukcioj / ***kontroli:*** esplori ĉu io estas tia, kia ĝi devas esti / ***lokalizi:*** trovi la ĝustan lokon por iu aŭ io / ***mekanike:*** aŭtomate / ***operacio:*** kalkulo farata pri nombroj kaj kvantoj / ***plenumi:*** fari plene tion kio estas farenda / ***preciza:*** ĝuste kaj klare difinita / ***problemo:*** ĉio malfacile klarigebla aŭ solvebla / ***procedo:*** vico da paŝoj / ***programo:*** serio de koditaj instrukcioj por komputilo / ***proponi:*** prezenti al iu / ***ruli:*** plenumigi komputilan programan / ***simuli:*** ŝajnigi / ***strio:*** maldika bendo / ***universala:*** koncernanta la tuton.

## Komputila birdo



*Kompreneble ne temas pri vera birdo. Nur pri ludilo de la japana firmao Mitsumi. Sed ĝi estas ludilo, kiu povas esti tre utila. La malgranda kvazaŭ-birdo sur la skribo-tablo estas ligita kun komputilo. Kiam al-venas ret-letero ĝi komencas rapide movi siajn flugilojn kaj voston kaj ankaŭ skui la kapon. Samtempe komencas flagreti ruĝa lampeto sur ĝia kapo. Se oni nun premas certan butonon, nia birdo laŭt-legas la tekston en korekta lingvo (angla, franca, germana). La nomo de tiu ĉi birdo estas "Special Agent PC Maskot". Ĝi kostas proksimume 70 eŭrojn.*

*Dieter* BERNDT*, Germanio*

12-13-jaraj infanoj deziras korespondi kun sam-aĝuloj el la tuta mondo.
Bv. skribi al:
*Abisova Ludmila Petrovna, Ĉeremuĥovaja 18-21,* VLADIVOSTOK*, Rusio*

## KRUCIĜAS ĈIO

Dieter BERNDT




**De maldekstre dekstren (↘):**

1. ne viro;
2. eŭropa ĉef-urbo;
3. ŝirmita kontraŭ malsano;
4. frukto;
5. bieno;
6. ĝi troviĝas en iuj fruktoj;
7. parto de la vizaĝo;
8. poscda pronomo.

**De dekstre maldekstren (↙):**

3. paŝi;
4. araba lando;
5. moviĝo en aero;
6. persono el la Biblio;
7. plena de vigleco;
8. ĝi fluas el okuloj;
9. loĝanto de eŭropa lando;
10. faro. *(Solvojn sendu al la redaktoro.)*

# PRI LA FLEGADO DE DENTOJ

Por igi la dentojn brile blankaj jam 5000-3000 jarojn a.K. oni uzis diversajn purigilojn: sap-ŝtonon, pulvorigitajn ovo-ŝelon aŭ oston, miksitajn kun akvo kaj mirho por ricevi kremecan paston.

## Dentbroso kaj -pasto

La dent-brosoj, unue dent-penikoj estis faritaj el porkaj haregoj kaj bambuo aŭ osto servis kiel tenilo (Ĉinio, 15a jc). En Eŭropo ĝis la 17a jc. oni purigis la inter-dentojn per pintigitaj anseraj plumoj aŭ lignaj dento-pikiloj.



Ni scias, ke en la 18a jc en Anglio malriĉuloj purigis la dentojn per salo kaj bastoneto volvita per vesto-peceto. La riĉuloj uzis dentpaston faritan el pulvoro de briko, argilo aŭ porcelano, kiu post kelka tempo difektis la dentan emajlon. Pli delikataj, sendanĝeraj pastoj aperis nur meze de la 19a jc.

Modernan dentbroson oni faris unue en Anglio, en la jaro 1780, kaj ĝi ekhavis nilonajn harojn nur en la jaro 1938.

## Dent-vermoj

La plej konata dent-malsano, la kario laŭ pratempuloj ekestis pro dent-vermoj (miskredo, kiu vivis ĝis la 19a jc), kaj oni provis ĝin kuraci per magiaj vortoj, fumo aŭ fajro. Por forigi malsanajn dentojn komence oni uzis ĉizilon kaj martelon (vidu la bildon). Sendentigo estis pratempe ankaŭ turmenta aŭ konfesiga rimedoj.

## Dentaj protezoj

Perditaj dentoj estis anstataŭigeblaj, unue, per dentoj de sklavoj, poste aperis falsaj dentoj el oro. La unuaj protezoj (falsaj dentaroj) estis faritaj el porcelano kaj aperis en Francio, en 1774.

Estas interese scii, ke en iuj kulturoj oni nigrigis al si la dentojn por aspekti elegante, en aliaj estis mode pintigi la dentojn per fajlilo.

*Zoltán Kurucz*, Hungario

*ansero:* granda blanka kort-birdo / *argilo:* flava tero (tre delikate eriĝinta) / *bambuo:* tropika kreskaĵo kun fortika alta trunketo / *ĉizi:* tranĉi en ŝton-platon / *emajlo:* vitro-simila kovrilo sur potoj, dentoj / *fajli:* glatigi forigante elstaraĵetojn de la supraĵo / *jc:* jar-cento / *kario:* putra difektiĝo de osto, dento / *magio:* vortoj, agoj, kiuj pozitive efikas al transnaturaj fortoj / *mirho:* bon-odora fluaĵo el trunko-ŝelo / *moderna:* nun-tempa / *nilono:* speco de plasto / *peniko:* aro da haroj kunligitaj / *porcelano:* brile blanka vitre malmola materio / *protezo:* arte-farita korpo-parto / *pulvoro:* diserigitaĵo / *sklavo:* senrajta homo / *turmenti:* intence kaŭzi fizikan doloron.

# Kioma nun?

*Tempo-punkton indikas*

***HORLOĜOJ***.

## Kiujn horloĝojn vi konas?

Ĉe antikvuloj pri tempo informis ne tre precizaj horloĝoj, nome:






***sunhorloĝo***

(Kiam ne sunis "ĉesis" la tempo, ĉu ne?)

***akvohorloĝo***

(Ĝi mezuris la kvanton de elfluinta akvo.)

***sablohorloĝo***

(Kelkaj kuiristoj ankoraŭ uzas ĝin.)

*Poste aperis* ***mekanikaj*** *(multe pli precizaj) horloĝoj:*

***mur-/ kesto-/ pendol-/ kukolhorloĝo***

***vekhorloĝo***

(La plej senindulga kaj malŝatata el ĉiuj!)



***poŝ-/ brakhorloĝo***

***klikhorloĝo***

(Ĝi servas por mezuri la kur-tempon, ekz.)

Poste venis la tempo de ***elektraj*** kaj ***pilaj horloĝoj***. Ili estas vaste uzataj ankaŭ nun-tempe.

Kaj antaŭ nelonge aperis ***elektronikaj / ciferecaj horloĝoj***. Certe ankaŭ vi havas tian.

## Kioma (horo estas) nun?

Oni povas respondi *malprecize*, kiel ekzemple:

*Estas ĉirkaŭ la 9a (horo). / Baldaŭ estos la 9a. / Jam pasis la 9a (horo).*
*Estas dekkelkaj minutoj antaŭ / post la 9a (horo).*

Oni povas doni *precizan* respondon:

*Estas precize / akurate la 9a (matene / vespere,* aŭ: *la 21a) horo.*
*Estas la 9a kaj kvarono / duono* aŭ: *Estas kvarono / duono post la 9a (horo).*

## Kiam / Je kioma (horo) vi alvenos hejmen?

*Je la 9a kaj kvarono.* Aŭ: *Kvaronon / 10 minutojn post la 9a (horo).*
*Ĉirkaŭ la 9a kaj duono.* Aŭ: *Ĉirkaŭ / Proksimume duonon post la 9a.*
*Ĝis la 10a (mi alvenos). / Plej (mal)frue je la 10a (horo).*
*Antaŭ la 10a (horo) mi certe alvenos.*
*Mi alvenos akurate kiel kutime. / Ne maltrankviĝu, se mi alvenos kun kelkminuta malfruo.*

Zoran Čirić, Serbio

## Novaj Nasradinaĵoj

### Absoluta ĝentileco

Foje, la edzino de Nasradin, havante fortan kap-doloron, petis la hodjon alvoki kuraciston. Nasradin tuj ekiris, sed kiam li atingis la kortan pordegon, la edzino elkriis tra la fenestro:

– Mi ne bezonas kuraciston. La doloro ĉesis.

Tamen Nasradin vizitis la kuraciston kaj diris al li:

– Mia edzino havis kapdoloron kaj deziris, ke mi venigu vin al ŝi. Sed kiam mi atingis la kortan pordegon, ŝi diris, ke la doloro ĉesis. Mi venis, do, por peti vin ne alveni vane.

### Kiel orientiĝi en mallumo?

*Foje, nokte la edzino de Nasradin diris:*

*– Bon-volu etendi vian brakon. Tie, dekstre de vi troviĝas kandelo kaj ekbruligu ĝin.*

*– Dio kun vi, virino, ĉu vi estas saĝa?! Ja kiel nun en mallumo, mi povas vidi, kie estas dekstra flanko kaj kie estas mal-dekstra?*



◆ Promenadis, foje, Nasradin-hodjo tra iu nekonata urbeto, kien li venis tiun matenon. Subite preter-pasanto haltigis lin kaj demandis:

– Sinjoro, kiu tago estas hodiaŭ?

– Mi ne scias, – respondis Nasradin –, ĵus mi venis ĉi tien la unuan fojon.

*Nasradin:* laŭ Turka legendo fama ŝercanto, mortis ĉ. 1410.

# Ĉu vi estas mond-civitano?

*(El "Juna Amiko" 3/1994)*

***Azo:*** Saluton.

***Zabo:*** Saluton. Kie vi loĝas?

***Azo:*** Mi !oĝas en domo.

***Zabo:*** Ĉu vere? Sed mi volus scii, kie estas la domo, en kiu vi loĝas.

***Azo:*** Mia domo estas en Novjorko.

***Zabo:*** Bone, sed mi ne tute komprenas. Ĉu vi volas diri, ke vi loĝas en la urbo Novjorko aŭ en la ŝtato Novjorko?

***Azo:*** Mi loĝas en urbo, kiu estas tuj apud Novjorko, sed ne en tiu urbo. Tamen ĝi troviĝas en la ŝtato Novjorko. Sekve, mi estas civitano de la ŝtato Novjorko, sed ne de la urbo Novjorko.

***Zabo:*** Ĉu vi ne estas civitano de Usono?

***Azo:*** Kompreneble, jes. Mi estas civitano de mia urbo. Mi estas civitano de la ŝtato Novjorko. Kaj mi estas civitano ankaŭ de Usono.

***Zabo:*** Kaj ĉu vi ne ankaŭ loĝas sur la planedo Tero?

***Azo:*** Kompreneble, jes. Mi certe ne estas ali-planedano.

***Zabo:*** Sekve, vi certe estas civitano de la ter-globa komunumo, ĉu ne?

***Azo:*** Pri tio mi ne estas certa. Mia urbo havas estraron, kaj rilate al la urbestraro mi havas rajtojn kaj devojn. Mia lando havas registaron, kaj rilate al ĝi mi havas rajtojn kaj devojn. Sed ne ekzistas registaro por la planedo, do mi ne scias, ĉu mi povas esti ankaŭ civitano de la tergloba komunumo.

***Zabo:*** Ĉu Unuiĝintaj Nacioj (UN) ne estas registaro de la tuta mondo?

***Azo:*** Ne. UN ne estas vera registaro. Ĝi ne rajtas krei leĝojn. Ĝi ne havas policon. Ĝi efektive estas asocio por la landaj registaroj. Ĝi estas internacia organizaĵo, ne tutmonda registaro. Mi persone ne estas membro de UN, sed la landa registaro de mia lando estas membro. Do, ŝajne, nia registaro havas rajtojn kaj devojn en la tutmonda komunumo, sed ne mi kiel individuo.

***Zabo:*** Kia stranga afero! Vi estas civitano de la urbo, kie vi loĝas. Vi estas civitano de la ŝtato, kie vi loĝas. Vi estas civitano de la lando, kie vi loĝas. Sed vi ne estas civitano de la planedo, kie vi loĝas.

***Azo:*** Jes, tio ŝajnas esti la situacio, ĉar ne ekzistas tutmonda registaro. Sed tamen mi loĝas en la tutmonda komunumo. Eble ne estas monda registaro, rilate al kiu mi havas rajtojn kaj devojn. Sed, tamen, mi povas pensi, ke mi estas mondcivitano. Mi havas rajtojn kiel homo, eĉ se ĝis nun ne

ekzistas tutmonda registaro por garantii tiujn rajtojn. Pli grave, mi havas devojn rilate al la tutmonda komunumo, eĉ se neniu registaro ekzistas por puni min, se mi ne faras tion, kion mi devus fari. Laŭ mi, unu el la devoj, kiujn mi havas, estas: lerni la lingvon Esperanto. La tutmonda komunumo bezonas lingvon, kiun ĉiu en la komunumo povas uzi por komunikiĝi kun la ceteraj anoj de la komunumo. Mi ne rajtas supozi, ke ĉiuj aliaj personoj uzos mian nacian lingvon, kaj estas tiom da lingvoj en la mondo, mondo, ke mi neniam povus ilin ellerni. Estas dek du lingvoj, kiuj havas pli ol cent milionojn da parolantoj. Mi ne povus lerni eĉ duonon de ili! Kiel mondcivitano unu el miaj plej gravaj devoj estas lerni la lingvon de mia monda komunumo. Certe, estas ankaŭ aliaj devoj por mondcivitanoj, sed neniu el ili estas pli grava ol lerni la tutmondan, neŭtralan lingvon Esperanto.



*Ronald GLOSSOP,* Usono

Ilustrita de *Judith Parelie Mortensen,* Norvegio

*civito:* tuto de rajto-havaj homoj / *garantii:* preni sur sin respondecon pri io / *planedo:* ĉiel-korpo kiel nia Tero, ekzemple.



*Roman FRENKEL**

**Ankaŭ...**

*Ankaŭ dum vintro frostega*
*Troviĝas bird', kiu trilas;*
*Ankaŭ dum nokto malhela*
*Troviĝas stelet', kiu brilas!*

*Inter la nuboj grizegaj*
*Ankaŭ traiĝas la suno;*
*Portas venteto la suda*
*Varmon eĉ dum la aŭtuno!*

*Ankaŭ en mond' egoista*
*Troviĝas la kor', kiu amas;*
*Ankaŭ dum hor' de l' mizero*
*Konsolas esper', kiu flamas.*

*Ruso, lernejestro antaŭ 100 jaroj.

# KVIZO LUDO POR VIA PLEZURO

*Por eviti ĉiu-tagan grizon, solvu nian interesan kvizon!*

## REGULARO POR 2004

- La kvizo-ludo konsistas el kvar turniroj, sed eblas partopreni en nur unu, du aŭ tri turniroj, laŭ-plaĉe.
- Konkursantoj povas partopreni individue (I) aŭ grupe (G). (Grupo elektu por si mallongan nomon.)
- La konkursonto mem elektas por si kategorion laŭ sia lingvo-scio: *baza (B), meza (M), supera (S)* kaj dum la jaro li / ŝi ne rajtas ĝin ŝanĝi.
- Ĉiu konkursanto, sendepende de sia kategorio, solvas la samajn taskojn.*
- Solvojn sendu rete aŭ papere ĝis la limdato.
- La gajnintoj de ĉiuj kategorioj estos premiitaj per jar-abono de nia revuo por 2005.
- La ĝustaj solvoj kun la nomoj de la plej bonaj solvintoj ĉiam aperas en la sekva n-ro de Juna Amiko kaj en ĝia hejm-paĝo *(www.junaamiko.inf.hu)*, kie vi trovas, cetere, pliajn informojn kaj plenajn listojn.

**Ne forgesu!**

Ĉiu kvizo-listo surhavu la legeblan **nomon** de la konkursanto(j), la **kodon** de ties hejm-lando (DE, JP, HR, PL, MK …), la **manieron**: indivivue (I) aŭ grupe (G), kaj la **kategorion**: B, M, S.

Ekzemple:

*Maria Molnár (HU) I / S*

* Tamen, se S-ano ne solvas aŭ missolvas tasko(j)n de B-anoj (1-5 taskoj) li / ŝi / ĝi perdas po 1 poenton; male, se B-ano solvas tasko(j)n de S-anoj (la lastaj 5 aŭ 6 taskoj) li / ŝi / ĝi gajnas po 1 poenton (sed la fina sumo ne povas superi 30 poentojn).

**Sin-amuze perfektigu vian lingvo-scion! Komencu nun per n-ro 1!**

## Fina rezulto de la 14a konkursojaro

***Kategorio B***

1. ***Akik, Svjetlana**, HR,* *55 p.*
2. *Bekavac, Ivana, HR,* *54 p.*
3. *Ilinić, Petra, HR,* *51 p.*

***Kategorio M***

1. *Čajić, Samanta, HR,* *52 p.*
   *Milković, Marina, HR,* *52 p.*
2. *Hawlena, Krystyna, PL,* *29 p.*
3. *By'elongo, Elisee, SA,* *18 p.*

***Kategorio S***

1. *Molnár, Mária, HU,* *109,5 p.*
2. *Popoviciu, Ecaterina, RO* *102,5 p.*
3. *Efremova, Lenče, MK,* *53 p*

***Grupoj***

1. *Pelemija/Marijampole, LT,* *109,5 p.*
2. *Mätsäkylä, FI,* *54,5 p.*
3. *Ursourbo, HR,* *57,5 p.*

***Gratulon pro via diligenta laboro!***

### *PROVERBOJ*

Post domaĝo venas saĝo.
Kolero estas miskonsilo.
Amikon montras malfeliĉo.
Rapidu malrapide.
Ne ekzistas rozoj sen dornoj.
Foriri estas iomete morti.
Laŭdu tagon nur vespere.

| N-ro 1 | 15-a KONKURSO-JARO | Lim-dato: 1.V.2004 |
|---|---|---|
| 1 | Aldonu finaĵojn: *Est vintr nokt . Malvarmeg vent furioz blov tra la kampar , kovr de neĝ . Nek hom nek best pov rest ekster .* | 3 poentoj |
| 2 | Decidu, kie nepre devas stari "la"! *5-an de aprilo ni forveturis. Ni vizitis gepatrojn de mia amiko. Ili loĝas en plej longa strato de urbo.* | 3 poentoj |
| 3 | Skribu po unu frazon kun la vortoj: *tago, taga, tage* ! | 3 poentoj |
| 4 | Kun "u" ĝi sekvas post la krim'. Kun "i" en arbar' vi trovas ĝin. | 3 poentoj |
| 5 | Se vi devus redakti unu paĝon en nia revuo, kion vi prezentus tie? | 3 poentoj |
| 6 | Skribu per vortoj: 638, 1014, 2418. | 3 poentoj |
| 7 | La literoj de la vortoj estas miksitaj. Malmiksu ilin! *rodanslama, numonetmo, komestoki* | 3 poentoj |
| 8 | Skribu frazon el 5 vortoj kun komencaj literoj laŭvice: a, b, c, ĉ, d. | 3 poentoj |
| 9 | Kiun el la sekvaj verkoj tradukis en Esperanton ne L.L.Zamenhof: *La Revizoro, Hamleto, La Faraono, La Rabistoj* | 3 poentoj |
| 10 | – Mi konas "Beatles", kompreneble –, diris onklo Longbarbul. – Ili estas la unu-sola kant-grupo, kiu posedis propran sub-mar-ŝipon. Por diferencigi ĝin de armeaj ŝipoj, ĝi havis flavan koloron. Beatles eĉ prikantis ĝin en "Yellow Submarine" (Flava submarŝipo). Ĉu vero aŭ mensogo? | 3 poentoj |

La solvojn sendu al *Dieter Berndt, Berolinastr. 2, D-10178 Berlin, Germanio*
Retadreso: *<esperanto-berndt@web.de>*

*Ne restu la solvo ĉe vi sur papero, ⇧ sendu ĝin tuj al nia supra adreso!*

## SOLVOJ de n-ro 4/03 (p.17)

**1**. tritiko, hordeo, aveno, sekalo, rizo... **2**. radiko, tigo (trunketo), folioj, spiko **3**. Ne uzu tro da bakpulvoro. **4**. bakist(in)o, bakujo, bakaĵo, bakejo, bakado, rebaki, misbaki* **5**. Nova, ankoraŭ ne sufiĉe sperta **6**. sterki, plugi, erpi, semi, rikolti, hoji, falĉi, draŝi, mueli **7**. La ĉevalo tiris la ŝarĝon ĝis la pordo. **8**. sorgo, milio, maizo **9**. Stellan Engholm **10**. Kie pano estas, musoj ne mankas.

** Ekzistas ankaŭ alia(j) ĝusta(j) solvo(j).*

### *La plej lertaj solvintoj de la decembra numero*

*(Redaktis kaj korektis: SALIKO, Finnlando)*

***Kategorio M***
*H-Krzeminska, Kyrstyna, PL, 29 p.*
***Kategorio S***
*Molnár, Maria, HU, 30 p.*
*Popoviciu, Eugenia, RO, 29 p.*
***Grupoj***
*Pelemija/Marijampole, LT, 30 p.*
*Metsäkylä, FI, 27 p.*

NIA KULTURA HEREDAĴO

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo dank' al la plumo de nia fidela amiko, elstara islanda poeto, Baldur RAGNARSSON. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi cel-konscia esperantisto, sukcesa pledanto por nia nobla ideo. (Red.)*

# BILDOJ EL LA HISTORIO

## 21 William AULD

Antaŭ pli ol duona jar-cento aperis ĉe la eldonejo *Stafeto* en Kanariaj insuloj libro, kiu enkondukis novan periodon en la historio de la Esperanta poezio, periodon eksterromantike modernisman. Ĝia titolo *Kvaropo* (1952) indikis, ke temis pri verkoj de kvar poetoj. La plej grandan parton okupis poemoj de 26-jara skoto, *William Auld.* En libro eldonita en 1997 okaze de 50-jariĝo de lia serioza verkado en Esperanto, estas konstateble, ke liaj libroj je tiu tempo-punkto atingis la nombron de kvindek. Evidente, ni havas ĉi tie verkiston de neordinaraj kapabloj.

Kiam esplodis la Dua Mond-milito, *William Auld* estis lernanto en liceo. Tiam li havis preskaŭ 15 jarojn (naskita en 1924). Fininte la liceon, li volontule aliĝis al la brita aer-armeo kaj fariĝis ĉas-aviadila piloto kaj milit-servis en Mez-oriento, Nord-Afriko kaj Mediteraneo. Post la milito li daŭrigis siajn studojn en universitato kaj fariĝis magistro pri anglaj lingvo kaj literaturo kaj Eŭropa historio. Li kvalifikiĝis kiel instruisto, kaj servis kiel ĉef-instruisto kaj poste kiel vic-estro de gimnazio. Dum kelkaj jaroj *Auld* estis prezidanto de Akademio de Esperanto.

La verkaro de Auld estas tiom ampleksa kaj varia, ke necesas dividi ĝin en kategoriojn por ekhavi pri ĝi super-vidon. Originale Auld verkis ĉefe poemojn kaj eseojn. Por plej multaj li estas unua-vice poeto kaj la verkinto de *La Infana Raso,* kiun multaj konsideras la Grand-verko de la ĝisnuna originala poezio en Esperanto. La plena originala poemaro de Auld – ses poem-libroj – aperis en unu volumo en 1987 sub la titolo *En barko senpilota.* Sed Auld estas ankaŭ elstara eseisto. Aperis de li ses esearoj, kiuj plejparte pritraktas

la literaturan kulturon de Esperanto kaj la lingvon mem.

Auld estas ankaŭ supera tradukanto de literaturo. Liaj tradukoj estas ĉefe de grandverkoj: *La sonetoj* de Shakespeare, la eposo *Aniaro* de la sveda poeto Harry Martinson, *La urbo de terura nokto* de la angla poeto James Thomson kaj multaj pliaj. Kaj Auld verkis ankaŭ lerno-librojn. Tre populara estas lia *Paŝoj al plena posedo*, jam kelkfoje reeldonita.

Mi menciis komence, ke la poemlibro *Kvarope* enkondukis novan periodon en nia poezio. Multaj vidis en la poezio de la kvar poetoj aperon de nova poezia skolo, *la skota skolo*. Tiu nomo devenas el tio, ke tri el la poetoj: *William Auld, John Francis* kaj *John S. Dinwoodie* estas ĉiuj skotoj, la kvara poeto, *Reto Rossetti* tamen estis svis-devena, sed jam longe vivis en Britio. Kompare kun la klasikaj-romantikaj influoj de *la budapeŝta skolo*, kies korifeo estis Kálmán Kalocsay, la poetoj de la skota skolo ekiris sur la vojo de la t.n. modernismo, tamen ĉiu laŭ sia persona maniero. Komuna karakterizaĵo estis distanciĝo for de la romantikismo, kiu pli-malpli regis la Esperantan poezion dum la unua duono de la lasta jarcento. Tamen ne mankas sentoj, eĉ pasio ĉe la skota skolo. Tiel la poemaro de Auld en *Kvaropo* portas la titolon *Spiro de l' pasio*, kiu estas citaĵo el verso de Miĥalski:

*Aspiras mi per spiro de l' pasio*
*elkrei novan mondon de la sonoj.*

# LITERATURO DE LA ESPERANTA

Ĉe Auld tiu pasio aparte koncernas la lingvon mem, la junan Esperanton. En poemo titolita *Rekviemo por la angla poezio* Auld esprimas la opinion, ke la angla poezio estas morta, ke ĝi jam faris sian taskon kaj ripozu do en paco kaj li antaŭ-vidas Esperanton kiel ricevanton de la torĉo de poezio en la moderna tempo:

*Daŭrigi la laboron*
*post vi alia venas,*
*kiu al la moderna medio apartenas,*
*kaj povas pli fak-sperte roli al ĝi sufloron.*
*La nova intendanto*
*sur mont' parnasa estos la juna esperanto.*

Per sia granda poemo *La infana raso* (1965) Auld ankoraŭ pli vastigis

la poezian dimension de la juna lingvo. La 25-ĉapitra poemo estas grandioza disvolviĝo de esploroj, kritikoj, analizoj, historiaj motivoj, personaj filozofiumoj, kies ĉeftemo estas la homa raso mem, ĝia situacio kaj evoluebloj. La homa raso estas ankoraŭ infana, sed havas eblecon kaj esperon maturiĝi, malgraŭ diversaj kontraŭdiroj, konstateblaj je ĉiu ĝia paŝo. La ŝlosil-vortoj de la poemo estas kuraĝo kaj obstino:

*Kuraĝon, homo-fratoj de ĉiu haŭt-*
*koloro –*
*la temp-miraĝo, kiu disigas vin*
*damninde,*
*nin fine rekunigos.*

La poemo estas modernisma, sed tamen transiras apartajn tempon kaj lokon, ĝi estas poemo de vizio, kiu faras ĝin grandverko meritanta honorindan lokon en la mond-literaturo.

Neniel eblas eĉ pritrakteti la ampleksan verkaron de William Auld en unu mallonga artikolo. Sed indas emfazi, ke tiu plej fama poeto en Esperanto dum jar-dekoj meritas profundajn dankojn de la esperantistoj pro lia sindona kaj seninterrompa laboro por nia lingvo kaj kulturo.

# FABELKONKURSO

## por infanoj en Esperanto

Rajtas partopreni en ĝi infanoj el la tuta mondo en tri kategorioj:

**A**: *infanoj ĝis 9-jaraj* **B**: *10-11-jaraj* **C**: *12-13-jaraj*

La konkursaĵoj povas esti verkitaj de **individuoj** aŭ de **grupoj** (aprte ĵuriataj).
La longeco de la fabeloj ne estas fiksita.
En la verkado plen-kreskulo rajtas helpi laŭ sia konscienco.
La ĵurio aprezas unua-vice la *fabelecon* kaj *originalecon* de la verkoj.
La konkursaĵoj alvenu ĝis la *10a de septembro 2004* al la adreso:

**Päätalo-Instituto, PL 39, FI-93401 TAIVALKOSKI, Finnlando**

Sur la koverto skribu la vorton *Fabelkonkurso*. Uzu kaŝ-nomon kaj menciu, ĉu la konkursanto estas *individuo* aŭ *grupo*. La vera nomo, preciza adreso, naskiĝ-dato kaj (se eblas) telefonnumero aŭ ret-adreso troviĝu en aparta fermita koverto.

La rezultoj estos publikigitaj la *18an de oktobro*, kiam en Finnlando oni festas la tagon de *Satu*. (Satu estas finna vorto por fabelo).

Pliajn informojn pri la konkurso donas la komisiito de la Instituto:

*S-ino Aini Vääräniemi, Vääräjärventie 26 A, FI-93590 VANHALA, Finnlando.*
Rete: *aini.vaaraniemi@pp.inet.fi*

***Ne preter-lasu la okazon! Ankaŭ vi partoprenu en la konkurso!***

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| D | O | **N** | A | C | O |
| E | | **U** | N | I | K |
| K | A | **R** | O | T | O |
| S | E | **K** | | R | |
| T | R | **I** | B | O | N |
| R | | **A** | R | N | A |
| A | R | **M** | E | O | J |
| N | | **P** | T | | L |
| | K | **L** | A | S | O |
| K | R | **U** | R | O | |
| F | A | **V** | O | R | E |
| | K | **A** | J | T | O |
| Ĝ | I | **S** | | O | N |

## **Solvoj** de la decembra n-ro (107)

◀ ***Akvo-fala krucenigmo*** *de Hajni kaj Stefan MacGill* (p.8) Gajnis: *Veronika Dobrán, Tiszaszentimre, Hungario*

**Tra la jaro** (p. 7): *La monato julio.* Ĝis la 1a de februaro neniu sendis solvon, bedaŭrinde.

***La redakcio de Juna Amiko tutkore dankas pro la bonvola mon-helpo de FAME-fondaĵo. Ni promesas servi internacian kompreniĝon ankaŭ en la estonteco per niaj tutaj forto kaj kapablo.***

*(Redaktoro)*

*Dankon pro la letero de infanoj el Rybnik, Pollando. Ni baldaŭ skribos.*

***Abontarifoj de Juna Amiko por la jaro 2004***

| | EUR | 2–4 ekz. | Ekde 5 ekz. | Prioritate |
|---|---|---|---|---|
| Tarifo 1 | 12 | po 9 | po 7 | +30 % |
| Tarifo 2 | 7 | po 6 | po 5 | +30 % |
| Hungario | 800 HUF | 650 HUF | 500 HUF | — |


# juna amiko

**Internacia Esperanto-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj**
31a jaro, n-ro 1(108), 2004
**Aperas 4 fojojn jare**
**Redaktoro:** ***Géza Kurucz*** **(Hitel u.10.fszt.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario)**
**Retadreso: suli267@szeged.sulinet.hu**
**Vicredaktoro:** ***StefanMacGill*** **(retadreso: stefan.macgill@galamb.net)**
**Administranto:** *Stefan MacGill,* Pannónia u. 30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario
Retadreso: **juna.amiko.adm@posta.net**
**Eldonanto: ILEI, Riouwstr. 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando**
Lingva revizianto: *Baldur Ragnarsson* (Islando)
**Kunlaborantoj:** ***s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki*** (Finnlando), ***Baldur Ragnarsson*** (Islando), ***Tatjana Auderskaja*** (Ukrainio), ***s-ino Jennifer Bishop*** (Aŭstralio), ***Zoran Čirić, Jadranka Mirić*** (Serbio), ***s-ino Saranath*** (Hindio), ***Gennadij Basov*** (Rusio), ***Bardhyl Selimi Mezini*** (Albanio), ***Till Dahlenburg, Dieter Berndt*** (Germanio), ***Evandro de Freitas*** (Brazilo), ***Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár*** (Hungario), ***Marija Belošević*** (Kroatio), ***Michel Nkwirikiye*** (Tanzanio), ***Eugenia-Ecaterina Popoviciu*** (Rumanio), ***Mensah B.Attiogbe-Agbemadon*** (Togolando), ***José J.Campos Pacheco*** (Kubo), ***Jasuo Hori*** (Japanio), ***Gian Piero Savio*** (Israelo)
**Grafikistoj:** ***Irina Nagy*** (Rumanio), ***Pavel Rak*** (Ĉeĥio), ***Monika Molnár*** (Hungario)
**Komputila kolora tekniko:** ***János Bakk*** (Hungario)
**Farita en Presejo Saluton**
**Váci út 81-85, H-1139 BUDAPEST, Hungario**

**ISSN 0230 1318**



hararo
kapo
frunto
nazo
vizaĝo
buŝo
mentono
tempio
orelo
kolo
okulo
brovo
okulharoj
pupilo
dentoj
dentkarno
lipo
lango
artiko
ŝultro
muskolo
kubuto
brusto
akselo
cico
genuo
kruro
femuro
ventro
umbiliko
ŝultro
plando
kalkano
PIEDO
piedfingroj
brako
maleolo
TUŜADO
antaŭbrako
GUSTUMADO
FLARADO
VIDADO
AŬDADO
MANO
mandorso
polmo
et-
ringo-
longa
montra
dik-
fingroj
DENTISTO
dentspe-
gulo
borilo
gipsoban-
daĝo
tranĉvundo
brulvundo
ambulanco
brankardo
dentpasto
dentbroso
dento-
doloro
ventro-
doloro
kap-
doloro
flegistino
marmalsano
malvarmumo
LA HOMA KORPO
mal-
san-
ulo
dis-
pen-
sario
esplora
lito
kuracisto
medikamento
injektilo
termometro
tensiometro
pocio
bandaĝo
pansaĵo
POR KIO SERVAS
1) buŝo? ..............
2) manoj? ............
3) lipoj? ................
4) okuloj? ............
5) oreloj? ...............
6) lango? ................
7) nazo? .................
8) fingroj? ..............
1/04